Juna amiko, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de la Hungara Esperanto - Asocio kaj aŭspiciata de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI)

Aperas kvarfoje jare: februare, aprile, septembre kaj novembre.

Redaktoro kaj grafiko: Stefan MacGill.

Adreso de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

Abonprezo en Hungario ĉe HELIR: 40 ft. (por eksterlandano 48 ft.) Internacie ĉe UEA: 8,40 gld.

Anoncoj:
Kvaronpaĝo: 250ft socilande aŭ 25gld aŭ 3 jarabonoj en aliaj okcidentaj valutoj.
Duonpaĝo: 420ft aŭ 42gld. aŭ 5 jarabonoj.
Tuta paĝo: 600ft. aŭ 60 gld. aŭ 7 jarabonoj.

Apartan temon ni decidis trakti sur pluraj el la paĝoj de nia revuo ĉi-numere, kaj sufiĉas rigardi la komencliteroojn de niaj alineoj por jam havi duonan ideon pri tiu temo. Sed nia kovrilo certe jam malkaŝis la sekreton.

Kore ni dankas pro la multaj gratuloj kaj salutoj, kiujn ni ricevis el multaj landoj, okaze de nia kvindeka numero! Ni ĝojas; vi kuraĝigas nin plulabori ankoraŭ pli forte en la redaktejo. Ni dankas speciale niajn perantojn, kiuj ĝuste nun devas labori forte por transsendi viajn novajn abonojn. De la statistiko en la antaŭa numero, vi povas vidi, ke niaj perantoj bone kaj sukcese laboras.

Velu kun ni en la novan jaron! Ŝipoj flosas tra niaj paĝoj. Ŝipetoj, ŝipegoj, ŝipaĉoj. Ĉiuspecaj ŝipoj. Ĉu vi iam veturis per ŝipo? Ĉu vi ŝatas ŝip-veturi? Kio estas agrabla pri ŝip-veturo? Kio estas malagrabla? Kien oni povas ŝipveturi? Kien ne?

Eblas ŝipveturi, kompreneble, al insuloj. Ni vizitis multajn insulojn dum la pasinta jaro, kaj nun pere de nova desegna talento el Sovet-unio, ni vizitos post du paĝoj ankoraŭ unu. Sed la ŝipo en ĉi tiu rakonto estas iom stranga.

Rimarkinda originala poemo aperas sur la sesa paĝo; tiukvalitajn verkojn ni tre volonte aperigas. Same bonvena estas la raporto de belga junulo pri la infana kongreseto en Britio. Originalaj verkoj de junuloj havas prioritaton en nia revuo, do verku kaj desegnu!

Oni poste invitas vin navigi tra akvoj samtempe gramatikaj kaj ekologiaj. Ni volas ne nur lertigi vin en uzo de Esperanto, sed ankaŭ konsciigi vin pri aktuala monda problemo.

Jen venu kaj krozu komforte kaj senkreve tra niaj paĝoj!

*smg, 15 dec 1989*

Nemzetközi eszperantó diáklap. Megjelenik éventenégyszer. Ára: 10 ft. 90/1 szám, XVII évfolyam. Felelös szerk.: Schiller Judith. Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség, Szentháromság tér 6, H-1014 Budapest. Felelös kiadó: Princz Oszkár. Készult a MESZ Sokszorosítóban: hearota 89-204 Kiad. eng. szám: III/IFJ/30/1976; ISSN 0230-1318.

Terjeszti a Magyar Posta. Elöfizethetö bármely hirlapklézbesitö postahivatalnál, a hirlapkézbesitöknél, a Posta hirlapüzleteiben és Lapellátási Irodánál (HELIR), Budapest, XIII, Lehel u. 10/a, 1900 – közvetlenül vagy postautalványon, valamint átutaláss al a HELIR 215-96162 pénzforgalmi jelzöszámra.




# FOR LA VINTRON !

(Germana popolkanto)



1. La vintron ni forpelu nun el ni-a urb':se-vera pun' al



li pro la per-fi-do, pro li-a hom-in-si--do!

2. Ni puŝos lin de mont' al val'
intence al mortiga fal',
ke li ne plu nin trompu,
per plua neĝ' ne pompu.

Traduko kaj muzika aranĝo: Franz-Georg Rössler

3. La vintron ni forpelis jam.
Ni luktis por printemp-ornam',
por majo kaj somero:
Al ĉiu flor' prospero!

Akompanajo obstina
(Piano aŭ gitaro)



1.+2.strofoj (okfoje) 3.strofo (kvarfoje)


La Homo sidas tie ĉi jam longe. Li mirakle saviĝis el dronanta marŝipo. La Homo ne esperas ekvidi iun marŝipon.
1
Sed unufoje li ekvidis ŝipon! Ne, ne marŝipon. Li ekvidis kosmo-ŝipon
!!!
2


La Homo tremiris kaj iom timis. Sed eksterlandano estis pacema kaj salutis Homon
???
3
La eksterlandano diversmaniere salutis Homon, sed Homo ne komprenis lin. Homo timis.
???
4


Eksterlandano meditadis pri la situacio
Li pensis kiel elembarasiĝi ?
???
5


Subite eksterlandano ekkriis !
Esperanto!
6


Mi salutas vin, kara amiko!
7


Ili komprenis unu la alian! Pro tio ili ne havis embarasojn.
8

# AL VI

kiu deziras amon kaj felicon
kaj enportas konfuzon en mian vivon.

Al vi,
kiu estingas flamon de ekzistanta amo
por ekbruligi torĉojn viajn.

Mi rezistadas al vi per forto de racio
kaj per forteco de miaj sentoj.
Mi rezistadas al [illegible] kiu alvenas.

Vane!
Sciu ke via rigardo estas profunda kaj forta
kaj mia rezisto senutila.

Mi rezistadas al vi
kaj tiu enigma rideto mi tamen deziras.

Al vi,
kiu estas nerezistebla.

Al vi
kiun mi ĉiam pli kaj pli amas.

*Verkis originale Dragana Veljkoviĉ, (13-jara), Leskovac, Jugoslavio*

## KONKURSOJ

En numero 89/2 ni proponis malfacilan konkurson pri lokomotivo kaj du vagonoj. Ĝi estis evidente tro malfacila, nur unu ranĝisto troviĝis inter vi. Libron gajnos Ingeborg Hein el Sernow, GDR. Ni dankas al d-ro Otto Kaczinski pro alsenditaj konkursoj. En nia jubilea numero ni aperigis du konkursojn, unu matematikan, unu krucvortan. Ni ricevis ĝis nun 35 respondojn, sed ni devas jam hodiaŭ, tuj antaŭ kristnasko fermi ĉi tiun revuon, ankoraŭ antaŭ la limdato. Do, la rezultoj sekvos en la posta numero. Trovu novajn konkursojn en ĉi tiu numero, unu de la redakcio kaj unu de rubrikestro Chvosta.

# Impresoj kaj memoroj

*Preskaŭ ĉiujare okazas speciala kongreso por infanoj, samtempe kun la granda Universala Kongreso, kiu ne tre taŭgas por infanoj. Tio permesas al gepatroj kun esperanto-parolantaj infanoj partopreni la UK, dum la infanoj ĝuas similan internacian etoson inter samaĝuloj. Jen 12-jara partopreninto rakontas pri la infana kongreseto. Ni dankas la raporton al la gazeto 'Heroldo' (vidu* Juna amiko *89/1), kiu plusendis ĝin al ni.*

La 25a infana kongreseto okazis en Rottingdean. Estas urbo, kiu kuŝas ĉe la maro. Partoprenis 33 infanoj el 15 landoj. Kelkajn mi jam renkontis pasintjare en Roterdamo en Nederlando.

La unuan tagon ni iris al la kongresejo de la Universala Kongreso en Brajtono. Ni renkontis du helpantojn de la Infana Kongreseto: ili ambaŭ estis britoj. Ni kunveturis en la aŭtomobilo de Kristoforo al la infankongreso. Davido rondiris kun mi en la lernejo. Estis amuze. Li diris, kie mia ĉambro, la sportejo kaj la naĝejo troviĝas. Dum la ludado mi aŭdis sonorilon kaj mi miris: kio okazas? Estis grava afero: la manĝo! Oni ĉiam tiamaniere vokis nin por la manĝo. Ĉiumatene je la sepa mi naĝis en la naĝejo. Estis plezurige! La akvo estis tre varma.

Ĵaŭde ni iris al la Universala Kongreso. Tie ni kantis por niaj gepatroj kaj amikoj. Ĉiutage ni estis dividitaj en grupetoj. Mia grupo estis 'sciuroj'. Kun Emma el Usono, Serĉiko el Japanio, Malika el Francio, Gunnar el Germanio kaj mi el Belgio ni formis internacian grupeton. Ni kune faris amuzajn ludojn. Ni kreis belan marioneton kaj bildojn el argilo. Ni faris ankaŭ mapon.

Filmisto daŭre filmis nin kaj vespere antaŭ la dormo ni vidis la tagan filmon. Dufoje la BBC (la brita televido) filmis nin. 12 infanoj el 12 landoj iris kun Kristoforo en klaso, kie ni respondis demandojn. Ili filmis, kiam ni kantis kaj naĝis.

Ni ankaŭ faris tuttagan ekskurson al la fervojo-muzeo 'Bluebell'. Estis tre multaj trajnoj. Mi vidis eĉ vaporlokomotivojn tre malnovajn (pli ol 100-jarajn). Post la vizito ni piknikis en bela natura regiono. Ni bedaŭrinde devis enlitiĝi je la naŭa, sed je la dekunua ni ankoraŭ ne dormis! Ni ĉiam multe babilis kune.

Vendrede la gepatroj venis ĉe ni. Ĉiuj kantis, kelkaj muzikumis, aliaj faris teatraĵon kaj mi deklamis poemon. Estis multaj vizitantoj. Tuj poste ni rajtis naĝi, do ... la infanoj rapidis al la naĝejo. Ni dufoje iris al la maro. Estis nur 5



minutoj piede. Tie ni havis multan plezuron. Bedaŭrinde la ŝtonetoj dolorigis niajn piedojn.

Ni ankaŭ lernis sorobanon. Tio estas kalkulmaniero el Japanio. Per skribado de letero mi eĉ akiris soroban-kalkulilon.

La lastan tagon ni transdonis donacetojn (monerojn, poŝtmarkojn, kartojn, glumarkojn ...) Mi transdonis poemlibretojn de la 'krokodiletoj'. De Kristoforo ĉiuj ricevis belan libron. Mi ricevis tre belan kaj amuzan libron: Hirthara Petro. Mi tre ĝojas, ke mi iris al la 25a Infana Kongreseto. Mi nun havas multajn novajn geamikojn. Mi certe korespondos kun kelkaj.

*Johano Vermeir*
*Belgio.*

# La olda morusarbo

Knabeto suferis gravan akcidenton. Lia maldekstra piedo rompiĝis. Li senzorge transkuregis ŝoseon kaj ŝarĝaŭto frapis lin. Plurajn tagojn li kuŝis en la hospitalo kaj daŭre li nur ploris.

Liaj gepatroj ne povis viziti lin ĉiutage, ĉar ili estis tre okupataj. Pro tio la knabeto nur ploris kaj ploris. La kuracistoj kaj flegistoj vane provadis trankviligi lin, sed sensukcese. La larmo-gutoj trafluis lian palan vizaĝon sur la kusenon, kiu tute malsekiĝis post iom da tempo.

Ĉiam la vesperoj estis la plej malgajaj. La hospitalo silentiĝis, nur la flegistinoj flustradis sur la longa koridoro.

"Panjo! Paĉjo!" li vokis: "Kial vi ne venas? Mi volas hejmeniri. Portu min hejmen! Panjo! Paĉjo!"

Flegistino envenis la ĉambron kaj diris: "Knabeto, trankviliĝu! Jam estas malfrue! Dormu!" Sed li ne povis fermi la okulojn. Li ne estis dormema. Pro la ploraĉado la okuloj jam enŝveliĝis kaj apenaŭ li povis vidi.

Estis somero kaj varma vespero. Ĉiuj fenestroj estis malfermitaj. Antaŭ la hospitalo en la ĝardeno staris granda, olda morusarbo. Inter la branĉoj de la arbo vivis multe da birdoj. Ankaŭ ili mutiĝis kaj ripozis en la nestoj gardante siajn idojn. Larm-okule li rigardis la morusarbon, kiu majeste sursuris en la vespera vento.

"Bonan vesperon, knabeto!" diris la morusarbo: "Kial vi ploras?"

La knabeto surpriziĝis, ĉar li ankoraŭ ne aŭdis parolantan arbon. Fine li elbuŝigis triste: "Mi volas hejmeniri."

"Ja, vi estas ankoraŭ malsana. Unue, vi devas resaniĝi."

"Kie estas Panjo kaj Paĉjo? Kial ili ne vizitas min?"

"Aŭskultu min! Viaj gepatroj ne povis veni, ĉar ili estas tre okupataj. Morgaŭ ili certe venos kaj portos por vi ludilon."

La knabeto iom trankviliĝis kaj scivoleme aŭskultis la morusurbon: "Mi fabelos al vi ĉiutage, se vi ĉesos la ploraĉon. Mi scias multe da fabeloj. Ĉu vi ne ploros plu?"

VORTKLARIGOJ

ŝoseo: larĝa aŭto-vojo.
ŝarĝaŭto: kamiono, var-transporta aŭto.
hospitalo: mal-san-ul-ejo.
flegisto: persono en hospitalo, kiu prizorgas la malsanulojn, sed ne kuracisto.
kuseno: kap-kuŝ-ig-ilo sur lito.
flustri: paroli mallaŭte, ne plen-voĉe.
apenaŭ: preskaŭ ne.
*morusarbo: falfolia arbo kun framb-similaj beroj.* Morus-beroj estas blankaj, ruĝaj aŭ nigraj. Silk-vermoj estas nutrataj sur la blank-beraj arbustoj.
mutiĝi: silentiĝi.
majeste: reĝe, digne, impone.
susuri: arbe flustri, vento-sonon inter folioj.
triste: malgaje, malfeliĉe.
fabeli: rakonti fabelon.
kap-jesi: diri jes, per movo de la kapo.
miri: surpriziĝi, unue ne voli kredi.
pepadi: fari birdeto-bleketojn.
karesi: montri amon per delikata tuŝo.
*sulka: malglata, plena je fendoj.*
krusto: ekstera parto, ŝelo.

Li nur kapjesis kaj atendis la fabelon. La olda morusurbo efektive sciis multe da belaj fabeloj. Ĝi fabelis tiom bele, ke la knabeto kredis ĉiun vorton. Tiel pasis ĉiu vespero ĝis li endormiĝis. Ankaŭ la kuracisto miris pro la rapida resaniĝo.

"Nu, knabeto, vi resaniĝis," diris la kuracisto: "morgaŭ vi rajtos iri hejmen. Ankoraŭ hodiaŭ mi telefonos al viaj gepatroj." La knabeto ĝojegis kaj tre malpacience atendis la hejmeniron. Li tute forgesis pri la olda morusarbo.

Alvenis la vespero kaj inter la foliaro la birdetoj pepadis. Neatendite la olda morusarbo ekparolis: "Morgaŭ vi hejmeniros. Aŭskultu mian lastan fabelon!". Kaj ĝi ankoraŭfoje rakontis belegan fabelon al la knabeto, kiu aŭskultante ĝin feliĉe endormiĝis.

La sekvan tagon alvenis la gepatroj. Antaŭ ol li ekiris hejmen kun ili, li kuris al la arbo kaj ekkaresis ĝian sulkan kruston. Liaj gepatroj komprenis nenion. Ili nur mire rigardis la knabeton: "Venu fileto mia," diris la patro: "ĉar ni malfruos kaj maltrafos la aŭtobuson!"

*Apáti Kovács Bela,*
*Kaposvár, Hungario.*



## Krucvortenigmeto



HORIZONTALE

3. De interne al ekstero
5. Vere, reale
7. Kolekto de instrumentoj
8. Mar-transportilon
9. Instrumento por fari truojn
10. Mesaĝoj, aŭ rezultoj de ekzamenoj
11. Etul'

VERTIKALE

1. Brulaĵon
2. Stangon
4. Sovaĝaj kategoj
5. Marbeston
6. Ŝipestr'

## FIŜOJ KAJ ŜIPOJ

Sur la venontaj du paĝoj ni klarigas la rilaton inter fiŝoj kaj ŝipoj, kaj proponas al vi belan ekzercon, kiu testos vian scion de la afiksoj. Por helpi vin pli bone kompreni kiom proksima estas la rilato inter fiŝoj, ŝipoj kaj ŝioj, ni proponas al vi kelkajn versaĵojn:

Jen sklavo-ŝipo tre malgranda;
sklavo sur la fiŝipeto
ĉe malsatmorto tute randa
estren sendas 'fiŝi-peto'

Maristaro ŝtele gvidis
Du virinojn al ŝiparo
Kaj kun ĝojo antaŭvidis
Gajajn horojn kun ŝi-paro

Jen maristo ploras – senelane,
tristege paŝas en ŝipeton
volas li l'edzinon akompane
al kapitan' direktas li 'ŝi-peton'




Se aktiva viro estas la fiŝanto,
Fiŝ' pasiva estu la fiŝato.
Estas vir' de fiŝo-viv' fuŝanto
Pro lia fiŝ-kaptem' – fi-ŝato.

# FIŜOJ SUB FIŜIPO

**Parigu la literojn kun la numeroj**

SKLAVOJ

A: ŝipeto
B: ŝipego
C: ŝiparo
Ĉ: ŝipero
D: ŝipano
E: ŝipestro
F: ŝipaĉo
G: fiŝipo
Ĝ: ŝipanaro
H: fiŝipestro
Ĥ: elŝipiĝo

PSST! MALDECAJ POŜTKARTOJ!

A: gefiŝoj
B: bofiŝoj
C: fiŝo
Ĉ: fiŝaro
D: fifiŝo
E: fiŝego
F: fiŝinoj
G: fiŝeto
H: fiŝilo
Ĥ: fiŝulo
I: fuŝulo
J: fiŝpastro
Ĵ: fiŝpasto
K: fiŝingo
L: fiŝringo

# Granda vojaĝo de malgranda museto

### Fabelo de alaskaj eskimoj

Unu fojon, malgranda museto foriris vojaĝi. Avinjo-muso bakis kukon por li kaj akompanis lin ĝis la eliro de ilia kaveto. La museto foriris el la hejmo frumatene kaj revenis hejmen en la vespero.

"Ho, avinjo!" ekkriis la museto: "Kiel okazis – mi ja estas la plej forta, la plej lerta kaj la plej kuraĝa en la tuta tundro. Ĝis nun mi eĉ ne sciis pri tio!"

"Kiel do vi tion ĉi eksciis?" demandis lin la avinjo.

"Jen kiel, " komencis rakonti la museto: "mi eliris el la kaveto, iris, iris, kaj iris, ĝis mi atingis maron. La maro estas granda-grandega, kaj tra ĝi la ondoj tiom kuris! Tamen, mi ne ektimis, mi ĵetis min en la akvon kaj transnaĝis la maron. Mi eĉ mem miregis, kiom bone mi kapablas naĝi."

"Kie, do, estas la maro via?" demandis Avinjo.

"Ĝi estas oriente de nia kaveto." respondis la museto.

"Jes, mi scias pri tiu maro," diris Avinjo, "Antaŭnelonge iu boaco trairis tie, piedfrapis ion, kaj en la spuro akvo kolektiĝis."

"Nu, do, aŭskultu, kio okazis poste. Mi sekiĝis sub la suno la ekiris plue. Jen mi vidis, ke staras monto, alta-altega. Arboj sur ĝia pinto nubojn altiris. Pro tio, mi pensis ĉu ĉirkaŭiri la monton. Sed, ne, mi kuris kaj saltis. Kaj mi transsaltis la monton. Mi eĉ mem miregis, kiom alte mi kapablas salti."

"Kaj pri la monto via mi scias," diris Avinjo: "Malantaŭ tiu spuro kun akvo staras bulo, kaj sur ĝi herbo kreskas.

La museto ekspiris, tamen daŭrigis la rakonton: "Nu, mi iris plue, kaj jen mi vidis, ke du ursoj batalas – blanka urso kaj nigra. Kriegis la ursoj, ili klopodas rompi la ostojn unu de la alia. Tamen, mi ne ektimis, mi ĵetis min inter ili kaj disĵetis ilin flanken. Mi eĉ mem miregis, kiom forta mi estas – mi sola du ursojn venkis!"

La Avinjo pensis kaj poste diris: "Jen, kiuj estas la ursoj viaj – blanka tineo kaj muŝo."

Je tio la museto ekploris amare: "Fakte, do, mi ne estas forta, mi ne estas lerta, mi ne estas kuraĝa. Mi transnaĝis nur hufan spuron, transsaltis nur bulon kaj disĵetis nur tineon kaj muŝon. Kaj jen ĉio."

Sed la Avinjo ekridis kaj diris: "Nu, por tiom malsaĝeta, malgranda museto, hufa spuro estas kvazaŭ maro; bulo estas kvazaŭ monto, kaj tineo kun muŝo estas kvazaŭ du ursoj. Se vi ĉion-ĉi ne ektimis, do, vi vere estas la plej forta, la plej kuraĝa kaj la plej lerta en la tuta tundro!"

*Rakontis: Z. Zadunajskaja*
*Tradukis en la rusa NikSt, Moskvo.*

# BRAVMUSA KONKURSO! Elektu la kategorion!

Jen longa kaŝfrazo: ______ ____________-______, ______ ______-______.



M: geografiaj fenomenoj
N: partoj de bestoj
O: bestoj el malvarmaj landoj
P: koloroj
R: aliaj adjektivoj
S: verboj de moviĝo (irado)
T: verboj de parolo
U: verboj de malpaco
V: partoj de la tago

Sube vi trovos 59 numeritajn vortojn. Ĉiu vorto respondas al unu spaco en la kaŝ-frazo. Ĉiu vorto apartenas al unu el la naŭ litere indikitaj kategorioj supre donitaj. Skribu la literon de la ĝusta kategorio laŭ la vico en la kaŝfrazo, kaj vi trovos resumon de parto de nia eskima rakonto.

Sendu vian respondon sur poŝtkarto aŭ letere al: Konkurso: Juna amiko, pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario, ĝis la 30a de aprilo 1990. Skribu vian adreson klare, aldonu vian aĝon; estos ekstra premio nur por junaj legantoj!

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. maro | 16. tineo | 31. foko | 46. hufo |
| 2. interbatali | 17. kuri | 32. rakonti | 47. melo |
| 3. foriri | 18. respondi | 33. amara | 48. akompani |
| 4. muso | 19. blanka | 34. venki | 49. repliki |
| 5. diri | 20. forta | 35. alko | 50. aŭko |
| 6. granda | 21. muŝo | 36. komuniki | 51. terura |
| 7. boaco | 22. mateno | 37. saĝa | 52. pingveno |
| 8. naĝi | 23. cervo | 38. karabuo | 53. monto |
| 9. demandi | 24. reveni | 39. vespero | 54. griza |
| 10. piedbati | 25. timegi | 40. kastoro | 55. mevo |
| 11. alta | 26. lerta | 41. galopi | 56. korno |
| 12. tundro | 27. rampi | 42. rompi | 57. klaĉi |
| 13. urso | 28. bruna | 43. miriga | 58. bisono |
| 14. transsalti | 29. disĵeti | 44. promeni | 59. beko |
| 15. nigra | 30. kuraĝa | 45. rato | |

# velŝipoj



En la pratempo, homoj hakis arbojn, kaj flosis per la trunkoj laŭ riveroj. Tiuj estis la unuaj boatoj. Poste ili forhakis la internon de la arbo-trunko, por ke ili povu sidi interne. En kelkaj triboj, la estroj deklaris iujn arbojn sanktaj aŭ tabuaj, por ke ili kresku grande. El ili, la tribanoj povis krei grandajn kanotojn, en kiuj multaj personoj povis veturi, ne nur laŭ riveroj sed trans lagoj kaj eĉ oceanoj.

Poste oni malkovris, ke per velo oni povas kapti la vento-forton. La vento movis ŝipojn sur la maro multe pli frue ol ĝi pumpis akvon, muelis grenon aŭ faris aliajn taskojn surtere. Jam antaŭ miloj da jaroj ekzistis etaj velŝipoj. La plej grandaj velŝipoj ekzistis antaŭ ĉ. cent jaroj kaj povis iri ĉirkaŭ la mondo. Malmultaj restas nuntempe.

Romianoj kaj aliaj popoloj uzis malpli agrablan energi-fonton. En la galeroj sklavoj devis remadi. Aliaj velŝipoj faris aĉan komercon; ili portis sklavojn el Afriko trans la Atlantikon al Ameriko. Inda energifonto por malinda celo.



Velŝipoj komencis malaperi post la invento de vaporaj motoroj en la 18a jarcento. Vaporŝipoj estis pli rapidaj kaj pli fidindaj ol velŝipoj. Poste en la dudeka jarcento sekvis dizelŝipoj, kiuj estis eĉ pli efikaj, kaj nun ni havas ankaŭ atom-energiajn ŝipojn.

Sed bruligi karbon kaj oleon kreas fumon kaj varmigas la atmosferon de nia tero. Tio estas malbona afero, ĉar eble tio ŝanĝos la klimaton de nia tuta tero kaj fandos la polusan glacion. Tio altigos la nivelon de la akvo en la oceanoj, kaj malaltaj landoj, kiel Nederlando kaj Bangladeŝo estos en danĝero, same urbegoj apud la maro, kiel Nov-Jorko, Venecio, Bankoko ktp.

Ĉi tiu tergloba varmigo estas nomita 'la vitro-doma fenomeno', ĉar la gasoj venantaj de bruligado, de ŝpruc-skatoloj kaj aliaj fenomenoj (ĉefe karbondioksido, metano kaj kemiaĵoj CFC) supreniras al la jonosfero, kaj tie permesas al la suna energio enveni, sed malpermesas al ĝi poste eliri. Tiuj gasoj, do, havas similan efikon kiel la vitron en vitro-domo. Tial la fenomeno ricevis tiun no-

mon. Sciencistoj ne povas konsenti, kiom grava estas la vitro-doma efiko, kaj pro tio la politikistoj nur malrapide komencas malpermesi la danĝerajn kemiaĵojn kaj purigi la gasojn, kiuj venas el fabrikoj kaj transportiloj.

Ili devus ankaŭ konservi la grandajn arbarojn kaj kuraĝigi personojn planti arbojn, ĉar plantoj konsumas karbondioksidon kaj kreas oksigenon, malkiel la homoj kaj iliaj industriaj fifaroj.



Fine, ni devas konkludi, ke la plej hom-amika kaj natur-amika akva transportilo estas la velŝipo.

La plej grandaj ŝipoj en la mondo estas la ole-ŝipoj. Ili ne nur mem konsumas oleon, sed ankaŭ transportas ĝin al aliaj konsumantoj. Sed en Japanio oni konstruis unu ole-ŝipon, 'Ŝin Aitoku Maru', kiu ja havas motorojn kiel normalaj ŝipoj, sed kiu krome havas du mastojn kaj modernajn velarojn. Ĉiu velo estas larĝa je 8 metroj kaj alta je 12 metroj. Ili pliigas la rapidecon de la ŝipo kaj malpliigas la bezonon bruligi oleon.

Do, fine de la dudeka jarcento, ni reprenas ideojn el la pasinteco, por protekti nian mondon en la dudekunua!

*smg*

# NavIGu tra IG

**1. IG kun adjektivoj:** Io havas kvaliton. Adjektivo povas esprimi tiun kvaliton, ekz.: *La ponto estas larĝa.* Ni povas krei transitivan verbon el tiu adjektivo por indiki la kaŭzon de tiu kvalito, ekz.: *La laboristoj larĝigis la ponton.* Ekzemploj:

La aero devos esti pli **pura** ol antaŭe. La industriistoj devos **purigi** ĝin.
La akvo-nivelo estos pli **alta** ol antaŭe. La fandado de glacio **altigos** ĝin.
La homoj estu pli **kuraĝaj** ol antaŭe. La politikistoj devas **kuraĝigi** ilin.
La atmosfero estos pli **varma** ol antaŭe. La gasoj **varmigos** ĝin.

El tiuj verboj, ekz. 'varmigi', ni povas krei novajn substantivojn, adjektivojn aŭ adverbojn:

Globa varmigo estas tre grava problemo.
La varmiga efiko de la gasoj estos baldaŭ mezurebla pli certe.
La vitrodoma fenomeno ne nur agos varmige, ĝi ankaŭ kaŭzos ŝtormegojn.

**2. IG kun prepozicioj, ktp:** Ni povas krei transitivajn verbojn el multaj el la prepozicioj kaj aliaj etaj vortoj. Ekzemple:

La rapideco de la ŝipo estas **pli** ol antaŭe. La veloj **pliigas** la rapidecon.
La konsumado de oleo estas malpli ol antaŭe. La veloj **malpliigas** ĝin.
Ni devas ataki la problemon **kune**. La registaroj devas **kunigi** niajn fortojn.
Eble sciencistoj kalkulas **tro** pesimisme. Ĉu ili **troigas** la problemon?
Ni devus vivi **sen** ŝprucskatoloj. Sed la komercistoj ne volas **senigi** nin de ili.

**3. IG kun prepozicio kaj adjektivo, substantivo aŭ verbo:** Ekzemploj:
La ŝipo estos pli rapida. La veloj **plirapidigos** ĝin.
Ni ne estu sen kuraĝo. La problemo ne **senkuraĝigu** nin.
CFC-gasoj iras en la aeron. Ŝpruc-skatoloj **enaerigas** ilin.
La gasoj iras supren. Altaj fumtuboj **suprenirigas** ilin.
Tiuj gasoj en la jonosfero permesas al la varmo enveni sed ne eliri.
Ili **envenigas** ĝin, sed ne **elirigas** ĝin poste.

**4. IG kun ne-transitivaj verboj:** Ni povas krei *transitivan* verbon el *ne-transitiva* per IG, kiu indikas, kiu kaŭzas la agon. Kio estas transitiva verbo? Ĝi estas du-liga. Jen ekzemploj:

Homoj hakis arbojn. Ili kreis kanotojn. La vento movis ŝipojn. Per vento, homoj pumpis akvon, muelis grenon, kaj faris aliajn taskojn. Varmigo ŝanĝos la klimaton. Ĝi fandos la glacion. Homoj konsumas oksigenon; plantoj konsumas karbondioksidon. La ŝipo havas mastojn. Ni protektu nian mondon!

Nun, el netransitivaj verboj (unu-ligaj) ni kreu transitivajn (du-ligajn):

Velŝipoj malaperis. Vaporŝipoj malaperigis ilin.
Karbo brulas. Ni bruligas karbon.
La arboj kreskis. La tribestroj kreskigis ilin.
Globa varmigo devas ĉesi. Ni devas ĉesigi ĝin.

Foje, la senco estas pli metafora:
Devos ekzisti (stari!) leĝoj. La registaroj devas starigi leĝojn.

**5. IG kun transitivaj verboj:** Tiukaze, iu faras ion. Se ni uzas IG kun transitiva verbo, tio ŝanĝas la sencon. Se iu farIGas ion, tio signifas, ke iu kaŭzas, ke iu alia faru ion. Do, tiu verbo estas jam tri-liga. Ekzemple:

La laboristoj konstruas la ŝipon. Sed la bankistoj, la kliento kaj direktoroj **konstruIGas** la ŝipon. Ili mem ne tenas la veldilojn kaj martelojn, ili mem ne malpuriĝas, ili kaŭzas, ke la laboristoj konstruu la ŝipon.

La tribestro **hakigis** la arbon. Tio signifas, ke li donis la ordonon, kaj la tribanoj ĝin hakis. Tribestro ordonas, tribanoj ŝvitas kaj laboras.

Kelkfoje vi faras viajn hejmtaskojn. Sed alifoje, kiam ili estas tro malfacilaj, eble vi **farIGas** ilin. Tio estas, vi petas vian Paĉjon aŭ Panjon fari ilin por vi.

Ni devas ĵeti ŝpruc-skatolojn for. Ni devas forĵeti ilin. La politikistoj devas **forĵetigi** ilin. (Per leĝoj, ili devas igi nin forĵeti ilin).




Gvidas: Josef Chvosta, Leninova 16, CS-29001 Podebrady, Ĉeĥoslovakio.

## Ĉu ĉio tie apartenas?

Karolo skribis ĉe la subaj substantivoj kvin objektojn, kiuj al tiuj substantivoj apartenas. Sed unu ĉiam certe ne apartenas tie. Ĝi tie estas kiel 'pugno sur okulo' aŭ 'elefanto en porcelan-butiko' aŭ 'misviculo'.

Decidu, kiu estas nekonvena! Skribu la nekonvenajn vortojn unu sub la alia kaj rigardu iliajn komencliterojn!

ARBARO: arboj, fungoj, pavimo, musko, trunkoj.
AŬTO: karoserio, motoro, stirrado, lago, pneŭmatikoj.
ŜIPO: pruo, babordo, stevardo, helico, umbiliko.
DOMO: vagono, koridoro, fenestro, pordo, ĉambro.
PENTRADO: peniko, farbo, orkestro, kubismo, realismo.
MANĜEJO: tabloj, nuboj, seĝoj, kuleroj, teleroj.
INSEKTOJ: abeloj, formikoj, vespoj, elefantoj, skaraboj.
LIBRO: titolo, folioj, paĝoj, papero, emporio
ĜARDENO: barilo, plantoj, magazenoj, florbedoj, fruktoj.
KATO: beko, felo, kapo, oreloj, vosto.
ĈAMBRO: lampo, forno, arbo, plafono, planko.
KAMPO: argilo, spikoj, grenoj, reloj, sterkaĵo.
URBO: domoj, stratoj, pontoj, ateloj, muzeoj.
LITO: kuseno, kovrilo, sablo, matraco, piĵamo.
DEZERTO: sablo, oazo, avenuo, kameloj, varmo.
TELEVIDO: anteno, seruro, ekrano, kesto, ŝaltiloj.
ŜRANKO: ĉapeloj, ĉapoj, florpotoj, vestoj, naztukoj.
LUNO: krateroj, rokoj, insektoj, sablo, truoj.
LERNEJO: benkoj, kajeroj, krajonoj, lernolibroj, ŝoveliloj.
HOSPITALO: orgenoj, hirurgoj, flegistoj, pacientoj, litoj.
HORLOĜO: ciferoj, montriloj, nuksoj, risorto, sonorilo.

Sendu viajn respondojn al la supra adreso. Ĉiu ricevos respondon.

Lernantoj de Esperanto en la elementa lernejo Levilete en Massa, Italio, kies instruistino estas Joanne de Angeli Bertozzi. Lernantoj, sendu similajn fotojn, en kiuj vi pozas, ludas, laboras, ekskursas, ktp. Ni aperigos la plej bonajn.



# Esperanto por ni




Jen sistema kurslibro por junuloj inter la aĝoj de 8 kaj 12. Per abundaj bildoj ĉi tiu kvar-libra serio prezentas la bazon de Esperanto per nur Esperanto kaj donas multajn aktivigajn ekzercojn. Ne tiom por memlernantoj, sed tre utila materialo en la manoj de sperta instruisto. Verkis Jozefo kaj Helena Mikulás. Jam uzata kaj rekonata en oficialaj klasoj.

4 volumoj kun entute 264 paĝoj. Koloraj allogaj kovriloj. Ĉiu volumo kostas nur 45 forintojn de Hungara Esperanto-Asocio aŭ 9,90 guldenojn de UEA

# Deziras korespondi

dez. kor. = deziras korespondi
tutm. = tutmonde
ĉ.t. = ĉiuj temoj
k.a. = kaj aliaj
pm. = poŝtmarkoj
bk. = bildkartoj

Ni aperigas korespond-petojn de junuloj, klasoj kaj instruistoj senpage. Anoncojn de aliaj plenkreskuloj ni ne aperigas. Bonvolu skribi tre klare (latin-litere: via redaktoro ne kapablas legi la cirilan alfabeton!) kaj doni sufiĉajn informojn: aĝon, sekson, interesojn. Pluraj nomoj sube estas verŝajne erare presitaj, ĉar la petoj ne estis klare skribitaj! Ne igu vian redaktoron detektivo aŭ divenisto! Skribu nomojn kaj adresojn klare kaj preslitere! Bonkvalita foto (prefere nigra-blanka) bonvenas.

## Argentino

Gelernantoj 12 ĝis 14-jaraj dez. kor. tutmonde. Carlos A. Ruiz, Av. Chaco 1185; Martín Barrios, Santos Cruz 860; f-ino Miriam C. Cardozo, San Martín 1032; f-ino Marcela E. Fernandez, C. Gardel esq. Magallanes; Diego Billa, José Hernández 663; Mario de Gárate, Mariano Moreno 807, f-ino Rocio A. Palomino, Córdoba 460; f-ino Karina M. Garcia, San Martín 1252; f-ino Carina G. Ferreyra, Entre Ríos 191, Nelson M. Morello, La Rioja 430; f-ino Mariella V. Savchuk, 25 de Mayo y Río Negro; José D. Struciat, Catamarca 921; Esteban Urlich, Entre Ríos 850, Alejandro Ayala, Mariano Moreno 807; Hugo Teruel, Neuquén 848. Al ĉiuj donitaj adresoj necesas aldoni la urbon: RA-3530 Quitilipi (Chaco). Ĉiuj lernas Esperanton en mezlerneja kurso, kiu komenciĝis en majo sub la gvido de Francisco Luis Veuthey.

## Belgio

Veerle Guffens, Bergstraat 99, B-3200 Kessel-Lo (Leuven). 15-jara junulino dez. kor. tutm. Hobioj: legado, vojaĝado kaj muziko.

## Britio

Britaj junuloj dez. kor. kun orienteŭropaj geesperantistoj: Wendy Grieve, 213 Hemsted Rd; Kirste Warner, 62 Cavendish Rd; Joanne Pearce, 60 Parkfield Rd; Vivienne Ferrand (ĉiuj 14-jaraj junulinoj); Tamire Brymolf, 159 Wallely Rd; Simon Tames, 5 Fruisted Close, Twydall, Gelmstam; Damen Smart, 27 Brockenhurst Close (ambaŭ 14-jaraj junuloj); Jan Castle, 136 Barnsole Rd; Clive Brooks, 24 Dixwell Close; Stephen Fox, 8 Nove Close (ĉiuj 18-jaraj junuloj). Al ĉiuj adresoj krom tiu de Simon Tames necesas aldoni la urbon: Gillingham (Kent).

## Bulgario

Jana Barakova, ul. Zvezda 37, V, 14, BG-4002 Plovdiv. 12-jara, dez. kor. Kolektas bildojn de kantistoj.

## Ĉeĥoslovakio

15 lernantoj, 10–12-jaraj, dez. kor. kaj interŝanĝi bk. tutm. Esperanto-klubo, Vladimír Rotrekl, Dobšice 297, CS-669 02 Znojmo.

Jan Pávek, ul. Dukelská 129, CS-669 05 Znojmo. 8-jara lernanto, bona esperantisto, dez. kor. kaj interŝanĝi pm. kaj bk. tutm.

Gepioniroj, 10–15-jaraj, dez. kor. kun hungaroj. Gvidantino: Zdenká Novotná, ul. Mátyásová 399, CS-560 02 Ceská Trebová.

## Hungario

Kvardek kvar 15-jaraj geknaboj, kiuj komencis lerni Esperanton kiel devigan lernobjekton en septembro 1989 dez. kor. kun junaj geamikoj el ĉefe malgrandaj landoj. Esperanto-grupo de Gimnazio Júlia Bányai, Nyúri ut. 11, H-6000 Kecskemét.

Grupo de komencantoj (12–22-jaraj) dez. kor. tutm. Interesoj: sporto, pk., muzi-

ko, vojaĝado kaj lingvoj. Grupo 'Verda Stelo', pf. 27, H-5900 Orosháza.

Andrea Tuboly, Vörösmarty u. 24/H. 3/10, H-8960 Lenti. 17-jara lernantoj dez. kor. kun hungaroj kaj aŭstroj pri ĉ.t.

## Pollando

Jawny Jakub, ul. Kósciuszki 32/2, PL-57-540 Ladek Zdráj. 11-jara, interesiĝas pri filatelo kaj glubildoj.

Monika Butka, ul. Bema 4/6, PL-57-540 Ladek Zdvoj. 11-jara, interesiĝas pri sporto kaj glubildoj.

Margorzata Klabowska, Zychlin 1, PL-63-324 Kuczków. 13-jara, interesiĝas pri Esperanto, biologio, historio kaj bestoj. Ŝatas legi librojn. Vivas en vilaĝo kun kvin gefratoj.

Barbara Mieószezak, ul. Pstrowskiego 23/3, PL-57-540 Ladek Zdvoj. 12-jara. Interesiĝas pri filatelo kaj glubildoj.

Malgorzata Rudnicka, ul. Graniczna 2/2, PL-57-540 Ladek Zdvoj. 11-jara, interesiĝas pri muziko, filatelo kaj glubildoj.

Janos Miroslawa, Zychlin 13/3, PL-63-324 Kuczków. 13-jara lernantino. Dez. kor. tutm. Interesiĝas pri fiŝoj.

Grupo de 10–15-jaraj komencantoj dez. kor. pri ĉ.t. kaj interŝanĝi salut-kartojn, kalendarojn, E-revuojn, insignojn kaj E-aĵojn por ekspozicio. Gvidanto: Hanna Kwasniewicz, Esperanto-grupo, Szkola Podstawowa nr. 7, ul. Tolstoja 1, PL-43-100 Tychy.

Pluraj knabinoj 11–12-jaraj dez. kor. tutmonde, ĉiuj en PL-57-540 Ladek Zdvoj: Elzbieta Salamon, Plac Nowotki 7/6; Renata Figorska, ul. Zwycieslwa 10/a/5; Agnieska Michalik, ul. Kosciuszki 40/1; Iwona Stachowska, ul. Kosciuszki 66/10; Monika Gorczak, ul. Kosciuszki 72/2; Beata Mieszczak, ul. Pstrowskiego 23/3; Aurelia Bacek, ul. Kosciuszki 15a. Interesoj: muziko, glubildoj, filatelo.

Joanna Kiliszek, ul. Krasnobrochka 19a/61, PL-03-214 Warszawa, 18-jara lerantino dez. kor. tutm. pri diversaj temoj.

Hanna Biernacka, Zakrzewo 24, PL-63-910 Miejska Górka (woj. Leszno), 16-jara nova lernantino, dez. kor. tutm., interesiĝas pri sporto, filmo, pop-muziko kaj vojaĝado.

Krzysztof Plóciennik, ul. Roosevelta 76/5, PL-64-920 Pila. 17-jara, dez. kor. tutm. Kolektas bk. kaj pm. Interesiĝas pri muziko.

Jaroslaw Kus, ul. Franciszoka 6/44, PL-41-200 Sosnowiec. 17-jara komencanto dez. kor. pri sporto, muziko kaj aliaj temoj.

Jaroslaw M. Gawron, ul. Gwiazdrista 8 m. 9, PL-67-200 Glogów. 17-jara, interesiĝas pri turismo kaj literaturo. Kolektas globkrajonojn, bk., kaj turismajn prospektojn.

Paulina Tomaŝevska, Sobótka 23, PL-63-450 Sobótka (woj. Kaliskie). 13-jara lernantino, interesiĝas pri sporto, poŝtmarkoj, fremdaj lingvoj kaj legas librojn.

Agnieszka Szymoniak, Sobótka 86/7, PL-63-450 Sobótka (woj. Kaliskie). 13-jara lernantino dez. kor. tutm.

Kazimierz Mironowicz, ul. Dluga 59, PL-42-500 Bedzin. 18-jara lernanto, interesiĝas pri turismo kaj filatelo. Dez. kor. kun junuloj el Hungario, Bulgario, Francio kaj Hispanio.

## Sovet-Unio: Estonio

16 gelernantoj 13–15-jaraj lernas nun kaj ekde marto 1990 kapablos korespondi: Esperanto, Keskkool 44, SU-200029 Tallinn. Instruisto Johannes Palu kolektas klasĉambrajn ludojn por tiuj lernantoj, bv. sendi proponojn al li ĉe: Solme 21, SU-200016 Tallinn.

Margus Enno, Paide, SU-202827 Ambra. 16-jara, intersiĝas pri lingvoj, komputiloj kaj kuirado.

Heili Randkivi, Ehitajate tee 40-12, Tallinn, 11-jara lernanto dez. kor. tutm. Kolektas kalendarojn, pk. kaj pm.

## Sovet-Unio: Litovio

Palniza Milisauskaite, Vysniy 28-48, SU-235250 Pasvalys. 17-jara nova esperantistino dez. kor. tutm pri ĉ.t.

Loreta Zarnauskaite, R. Carno 57, SU-235464 Naujoji Akmene. 17-jara junulino dez. kor. pri ĉ.t.

Grupo de lernantoj 9–18-jaraj dez. kor. tutm. pri ĉ.t. Instruistino: Merijowskiene Jania, Z. Angariečio 88a-9, SU-234520 Marijampole.

## Sovet-Unio: Cetero

Olga Serĵanova, ul. Mira d. 19-38, Kolska distrikto, v. Tuloma, SU-184362 Murmanska regiono. 13-jara, dez. kor. kun geknaboj el Francio, Italio, Hispanio, Finnlando.

# Neĝas

Neĝas
kaj blanka pulvoro
ŝutas kaj ŝutas
kaj ŝutas,
ĉirkaŭe vintro mutas
kaj neĝas
ŝutas kaj ŝutas...
Ŝutas pulvore, blanke,
ŝutas kaj kvazaŭ ĝi preĝas
ŝutas pulvore, blanke
... ...
neĝas

*Romuald Skalinski*
*Torun, Pollando.*

Antonina Andrusi, ul. Frunze 16, SU-325000 Ĥerson. 16-jara lernantino dez. kor. tutm. Kolektas bk., kalendaretojn, ŝatas muzikon, ludas pianon, ŝatas legi, kudri kaj studas presadon.

Olga Jakovenko, samadrese kiel Antonina, dez. kor. tutm. kun junuloj. 15-jara, interesiĝas pri lingvoj, lingvistiko, historio, abstrakta arto, kino, moderna muziko, orientaj batalartoj (uŝudo, karateo, tajĉiĉuan), poezio, libroj, vojaĝado. Kolektas pm., bk., kalendarojn, monerojn kaj esperantaĵojn.

Eduard Bystrov, pk. 1963, SU-660025 Krasnojarsk 25, Siberio. 16-jara lernanto, scias Esperanton, germanan, anglan. Kolektas pm. kaj librojn. Ŝatas modernan muzikon.

Konstantin Smirnov, ul. 2 Prodolnaja 16-49, SU-400062 Volgograd. 17-jara, dez. kor. tutm.

Elena Maslionor, ul. Maciupolskaia 16-20, SU-236006 Kaliningrad. 18-jara studentino dez. kor. tutm. Ŝin interesas muziko, literaturo, naturo ka. Kolektas pm. kaj bk.

Maria Kameneva, ul. Radolickogo 23, SU-355013 Stavropol. 14-jara lernantino dez. kor. tutm. pri ĉ.t. Kolektas bk., pm. kaj kalendaretojn. Ŝatas sporton kaj muzikon.

Tri 16-jaraj junulinoj dez. kor. tutm. kaj kolektas bk. Natalya Gurusuna, Oktjabrskaja 9-22; Tatjana Karelina, Oktjabrskaja 3; Jelena Novikoba, Lespromhoznyj per. 5; Ĉiuj ĉe SU-601254 Muromeevo.

Gleb Malcev, Proletarskaja 71, SU-326520 Cjurupinsk, 17-jara lernanto dez. kor. tutm. pri jogo, budhismo, orientaj luktartoj, goo, NIFO-j, naturismo, filozofio, parasciencoj, E-movado, politiko kaj muziko. Kolektas E-peruiodaĵojn, ĉiulingvajn librojn pri orientaj luktartoj, naturismajn fotojn kaj revuojn, E-aĵojn.

Sergej Jaroŝeviĉ, ul. Naganov 22-8, SU-224005 Brest, 14-jara, interesiĝas pri sporto, vojaĝoj, volas interŝanĝi E-aĵojn, bk., pm. kaj reciproke gastigadi.

Nova klubo 'Desno' naskiĝis en Ĉernigov. La membroj, 13- ĝis 16-jaraj dez. kor. tutm. Al ĉiu adreso aldonu la urbonomon Ĉernigov:

Nagula Oksana, ul. Proektnaja d. 1 L.1, SU-250034 (kalendaretoj, bildoj, sonbendoj) • Volonjko Andrej, ul. Budjonogo 36, SU-250008 (moneroj kaj monbiletoj novaj kaj malnovaj) • Fenjko Ira, per. Gosnovjij 18, SU-250034 (kalendaretoj) • Obodjak Oleg, ul. Oktobra Revoljucio d. 166, L.39, SU-250000 (sporto) • Lisogor Ira, ul. Kievskaja d. 53, L2, SU-250013 (moderna danco, muziko, modo) • Kotenko Nikolaj, ul. Oktobra Revoljucio d. 92, L.2. (moneroj) • Minenko Lena, ul. Dzerĵinskogo d3 L4, SU-250013 (moderna muziko) • Ŝkabura Lena, ul. 1 Maja, d.157/119, SU-250034 (pentrado, bk., satiroj pri homoj kaj bestoj) • Maĥlaj Natalja, ul. Ŝevĉenko d. 237, SU-25000 Ĉernigov (fantastiko, pentrado) • Alenina Oksana, ul. H. Sagaudak d4, L2, SU-250020 (trikado, akvariaj fiŝoj).

SUKCESAN KORESPONDADON!

## Instruistoj!

Ankaŭ por vi ekzistas aparta revuo, kun novaĵoj de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, kun fakaj artikoloj, recenzoj de lernolibroj, instru-helpiloj kaj pedagogiaj verkoj, kontakt-adresoj de instruistoj tra la mondo, informoj pri la kondiĉoj de E-instruado kaj novaj iniciatoj tiurilate. Nun estas la momento aliĝi al ILEI kaj per tio ricevi kvarfoje jare la revuŏn

**Internacia Pedagogia Revuo**

ILEI havas sekciestrojn en trideko da landoj, kiuj akceptos vian abonon en loka valuto. Aŭ, 40 svedaj kronoj ĉe ILEI, Södra rörum pl. 455, S-242 94 Hörby, Svedio, pĉk. 682117-7 (Stokholmo).

## Budapeŝta informilo, nun 24-foje en la jaro!

Jen la gazeto, kiun vi ĝuste bezonas! Vastega koresponda rubriko kun centoj da adresoj, rapida informado pri la aranĝoj tra la tutmonda movado. Informiĝu pri la aranĝoj tra la tutmonda movado. Informiĝu pri kongresoj, renkontiĝoj, tendaroj kaj partoprenu ilin!

Malfermu mondan fenestron per *Budapeŝta informilo*! Malkovru nian movadon por ĝui ĝin! Multaj artikoloj pri metiejoj de Esperanto, landaj kaj fakaj asocioj. Amikoj atendas vian aliĝon! Ĉio ĉi en lingvo vivanta en la movado. Aperigu senpage vian korespondanoncon!

Granda novaĵo! *Budapeŝta informilo* ekde 1990 aperas ĉiun duonmonaton, do 24 fojojn en la jaro sur 8 grandaj A4-formataj paĝoj. Sekve, novaĵoj pli ofte, pli freŝe. Abonu kaj abonigu la gazeton:

* hungaroj ĉe HELIR, Budapest 1900, kontraŭ 288 ft. jare (144 ft. por duonjaro, 348 ft. por eksterlanda adreso.
* okcidentanoj ĉe Universala Esperanto-Asocio, jarabono 30 ned. gld.
* soclandanoj ĉe la landa poŝto aŭ ĉe la perantoj (malsamaj abontarifoj).

Se vi korespondemas aŭ vi havas demandojn, turnu vin al la redakcio de *Budapeŝta informilo*, pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

**Ne forgesu! Amikoj atendas vin ĉie en la mondo!**

BUDAPEŜTA INFORMILO